# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

**Simpla jarabono** 2.50 sv. fk.
**Kolektivaj abonoj** al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.
La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

**Anoncoj:** po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.
**Anoncetoj** (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.
**Rabato:** 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Adreso: Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.
Redaktoro: Teo Jung.
Kunlaborantoj en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 5 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

**N-ro 8-9** | **Aŭgusto-Septembro** | **1928**

## Tra la mondo.

Neniam la sopiro al **paco** estis tiel granda, tiel ĝenerala ĉe la homaro kiel nuntempe. Neniam oni tiom pensis, tiom skribis, tiom parolis pri la paco, neniam oni aranĝis tiom da porpacaj konferencoj kaj kongresoj kiom nun. Jus la **Kellogg-pakto** estas subsignita de la reprezentantoj de 15 ŝtatoj. Kion ĝi celas unuavice? Anatemon al la milito, do — la pacon! Jus okazis ankaŭ la **Interreligia Konferenco por la Paco, la 20-a** (jam!) **Universala Kongreso de Esperanto** — lingvo interpaciga, okazis diversaj internaciaj **junularaj kongresoj** por la paco: sur Freusburg en Germanujo, apud Chemin des Dames en Francujo, ĉe Eerde en Nederlando . . . ĝuste la junularo estas la plej fervora kaj la plej esperoplena antaŭbatalanto por la paco estonta!

Kaj la **scienco** . . . kaj la **tekniko?** Kion ili celas unuavice? La kunlaboradon de la homaro, la pliproksimigon de la homaro — do, la **pacon!**

Dum la tero unueciĝas per la unueciĝo de la tuttera kulturo, dum ĝi etiĝas per malapero de la grandaj distancoj, la homoj de diversaj nacioj jam ne povas resti ĉiu por si aparte. Unu jam ekzistas por la alia, unu jam estas dependa de la alia. Videblaj kaj nevideblaj fadenoj jam interligas ilin ĉiujn je ampleksa, multmaŝa reto. Kiu jam riskos distranĉi tiun reton per la bruta glavo? Malbenita li estu por eternaj tempoj!

La militdanĝero ankoraŭ ne pasis. Ni ne faru al ni iluziojn. Ĝi estas eĉ sufiĉe granda. Iuj homoj ankoraŭ sidas kovante super armadoj kaj mallumaj planoj. Dum la pli granda parto de la homaro rifuzas la militon, tiu eta aro da incitiloj, da insidiloj ĝin preparas kun bona pripenso, kun malica intenco.

Tial eĉ pli firme devas kuniĝi la bonvoluloj, la pacamantoj, por ke la mallumaj planoj de tiuj homoj ne efektiviĝu. Formu, fermu la falangojn! **Kontraŭ la milito!** Kontraŭ la hombuĉado! **Por la paco!** La mondo ĝin **volas!** La mondo **bezonas** ĝin! La mondo sopiras je ĝi! Ĉar paco signifas progreson, bonstaton, feliĉon; sed milito signifas refalon en barbarismon, mortigon, hombuĉadon, sangverŝadon, plorojn, malfeliĉon kaj malbenon!

For milito! Supren al pli alta feliĉo, al paca estonteco!

Observanto.

## Pri la frateco inter la popoloj.

De Ilija Enĉev.

La ordinara rilato de la homoj al t. n. **malbono**, t. e. la suferoj, kiujn ili mem kaŭzas unu al alia aŭ kiuj estas kaŭzitaj de iu natura potencego (elementoj), kiel la tertremo en suda Bulgario, — estas montri tion nur kiel ion negativan kaj koleriĝi, protesti kontraŭ la „sorto“. Tamen por la prudenta homo la „malbono“ ne estas minuso en la vivo. La prudentulo sukcesas eltiri el ĉiu minuso pluson, precipe el la duaspecaj suferoj (naturpotencaj). En la etika „matematiko“, laŭ la logiko de la vera saĝeco, oni devas eltiri pluson el la minuso, leviĝon al pli granda humilo kaj al pli granda preteco por akcepto de la morto.

Pensante pri la „malbono“, kiun alportis la tertremo, mi konfesas, ke ĝi perdiĝas kiel guto en la maron, kompare kun la bono, kiu manifestiĝis en la rilatoj de la suferigitoj inter si, inter la nesuferigitoj kaj suferigitoj, kaj ankaŭ inter la tuta mondo kaj Bulgario. Oni ne povus imagi, ĉe kiuj aliaj cirkonstancoj la mondo povus manifesti al Bulgario tiom superan humanecon, esprimitan kiel rapida helpo, stimulita de sincera amo kaj kompato! La tertremo montris nediskuteblan, plej evidentan pruvon, ke la supera leĝo en la homrilatoj estas la amo, kiu manifestiĝas senprokraste en interhelpo, senkonsidere de rasaj, klasaj, seksaj kaj aĝaj diferencoj, sed objektante nur la homon; pruvo, ke la **amo** al ĉiuj estas la vivleĝo — kaj ne la malkonkordo, la malbono kaj la reciproka ekstermo. Kaj efektive granda okazintaĵo! Oni estis preta helpi frate el ĉiuj teranguloj. Tamen precipe forte impresis tio, kion la serboj manifestis al ni. Oni parolis pri eterna „malamo“ inter la du popoloj, kaj ili — la „malamikoj“ — tuj alkuris helpe por savi la pereanton. Ĉu estas pli forta pruvo pri simpatio kaj amo ol la ago mem? Kaj jen: la **Skupŝtina** (serba parlamento) voĉdonis por milionoj, lernantoj kruciris tra la lando kaj persone disdonis helpon, en la stacidomo Papazli serba laboristo, vojaĝanta al Konstantinopolo, donis siajn lastajn 100 levojn kun larmoj en la okuloj antaŭ la terura bildo de la detruo; episkopo Dositej el Niŝ ankaŭ venis persone al la suferigitoj por disdoni helpon kaj kun larmoj paroladis pri la sorto de la viktimoj. La larmoj de unu sola homo, pro kompato kaj amo etendinta fortikan brakon por helpo, estas multe pli granda okazaĵo en la homara vivo ol la verkado de volumoj aŭ la akiro de iu ajn materiala bonfarto. La ĉefaĵo estas la manifesto de la diaj ecoj en la homo.

Post tiuj okazintaĵoj en la rilatoj de ambaŭ „malamikaj“ popoloj en mi lokiĝis la penso, kiu obstine bezonas la intertraktadon kun la legantoj de „Svoboda“ (Libero*). Tiu penso estas rememoro de tio, kio estis okazinta inter Ĉilio kaj Argentino la 13-an de marto 1904 [Vidu Vazraĵdane (Renaskiĝo), XV-a jarkolekto, 3-a kajero: Kristo kiel pactestamento]. En la Andoj sur la limo je altaĵo 4000-metra la du popoloj starigis grandiozan bronzstatuon de fanditaj kanonoj al Kristo kaj promesis: **„Tiuj montaroj polviĝos pli facile, ol la loĝantoj de Argentino kaj Ĉilio malobeos la pacon, kiun ili, sub la piedoj de Kristo, sin devigis gardi.“**

Mi kredas, ke inter la loĝantoj de Bulgario kaj Serbio (kaj inter ĉiuj popoloj) tio povas okazi. Kaj tiu ĉi kredo ne estas utopia, sed fortigita per la larmoj de tiuj, kiuj venis kaj etendis brakon por helpo kaj savo. Tiu kredo ĉirkaŭbraku ĉiujn, kaj tio, kio hieraŭ estis revo, fariĝos hodiaŭ aŭ morgaŭ viva ago. Ni kredu en la granda leĝo de la viva frateco kaj ni laboru per ĉiuj fortoj por ĝi**).

Esperantigis Agro.

*) Bulgara semajna gazeto por renovigo de la vivo, en kies *229*-a numero aperis la supra artikolo. — Rim. de trad.

**) Nia ŝatata verkisto Enĉev ne nur predikas la „vivajn“ vegetarismon, fratecon ktp., sed provas praktiki ilin en unu el niaj teristaj gefrataroj. (Vegetara kolonio apud vilaĝo Meĉkjur, Plovdivsko, Bulgario.) — Rim. de trad.

## Penseroj.

La vorto frateco estas ebla nur, ĉar la radiko frat' ekzistas. Se forestus frat', ni ne povus formi la vorton frateco. Same rilate la fratecon de la homaro. Tiom longe, kiom la homoj ne estas fratoj, estas sensence atendi la aperon de homa frateco.

Ĉiu infano povas kompreni tion. Tamen la plej bone instruitaj homoj ne komprenas tiun simplan veraĵon: ili provas krei homan fratecon per konvencioj kaj traktatoj, per leĝoj, per perforta batalo, per diskutoj pri reciproka senarmiligo — kelkaj eĉ per reciproka armiligo.

Ne atendu, ke tio venigos la fratecon de la homoj kaj de la popoloj! Frateco estas vorto, kiu anstataŭas la frazon: ili estas kiel fratoj. Kiam la homoj fariĝos fratoj, la frateco tuj ekestos, antaŭe ne.

Se ni deziras fratajn interrilatojn inter ni, ni agu kiel fratoj. Tio estas la sola vojo. Per adorado de senenhavaj vortoj ni atingos nenion.

---

Kial la nuntempaj reformmovadoj alportas al la homaro tiom malmulte da vera progreso, vera feliĉo? Ĉar la regno de la mondplibonigantoj plej ofte estas la intelekto, ĉar ili solvas la problemojn nur pense kaj teorie.

La homo trovas feliĉon nur en laboro por la bono, ne en teorioj pri ĝi. Ju pli da teorioj, des malpli da agoj, des malpli da vivofeliĉo.

La problemoj de la vivo ne estas solvataj per teorioj, sed per la vivado.

---

Ĉia malbono interhoma estas sekvaĵo de malbono enhoma. Forigi la unuan sen forigo de la dua ne estas ebla. Se ni forigos la malbonon enhoman, la malbono interhoma foriĝos per si mem.

Kiel forigi la malbonon el la interno de la homo? Tio ŝajnas neebla. Tamen ĝi estas ebla. Kiam la homo komencos pli ŝati la internon ol la eksteron, li propravole forjetos la malbonon, ĉar ĝi estas malhelpa al li.

Sed kiel alproksimiĝi tiun estontan tempon? Per instruado. Ne per instruado pervorta aŭ perlibra, ne per teoriaj pruvoj. Per nia propra vivado ni vidigu al la homoj, ke ni pli ŝatas la internajn valorojn de la homo ol la eksterajn. Iom post iom ili komprenos kaj komencos imiti nin.

---

La vivado estas luktado, batalado. Kaj niaj armiloj estas mezuriloj de la pureco de nia volo.

Ĉu la homaro envere progresas aŭ ne? Pri tio atestas niaj armiloj. Kia estas la armilo, tia estas la homo, kiu uzas ĝin.

Frapilo iaspeca estis la armilo de la praarbarulo. Frapilo iaspeca estas same la armilo de la nuntempa homo. La diferenco estas nur ekstera. Ĉu multe signifas, ĉu nia frapilo estas kruda lignopeco aŭ polurita fero, ĉu ĝi estas simpla ĵetilo aŭ science ellaborita mortigmaŝino? Certe ne. Nia praavo mortigis per ŝtono aŭ branĉego, lia idido mortigas per kugloj kaj gasoj. Ĉe tiu kaj ĉe tiu ĉi la direkto de la volo estas la sama, sama estas la celo de la ago: ekstermi.

Per mortigilo nia praavo defendis sin mem kaj progresigis siajn ŝataĵojn. La samon ni faras. Perfere ni defendas kaj pligrandigas la patrolandon, perfere ni defendas la justecon, perfere ni provas alvenigi la interfratiĝon de la homoj . . .

Ni parolas pri altaj celoj. Altaj celoj postulas altajn agilojn. Kia estas nia celo, tiaj devas esti niaj armiloj.

Stellan Engholm.

## La rozkulturo en Bulgarujo.

La Roza valo. Tio estas tiu angulo de Bulgarujo, troviĝanta inter grandioza Balkan-montaro norde kaj Sredna-gora sude. Tie estas la loko, kie la grundo kaj klimato favoras multajn kulturaĵojn, precipe la rozon, de kiu la loko ricevis sian nomon — Roza valo. Tie estas lokitaj la urbetoj Karlovo kaj Kazanlik. Ĝis 1915 la centro de la rozkulturo estis la Kazanlika regiono, sed de tiam ĝis nun tio restas la Karlova regiono. Tie la roza kulturo disvastiĝas tre rapide, kaj la rozofabrikistoj el Kazanlik venas tien ĉi, kie ili instalas siajn modernajn rozofabrikejojn. La rozkulturo en Bulgarujo okupas entute 52 000 dekarojn, el kiuj 35 000 en Karlova regiono.

Dum 1927 en Karlova regiono estas instalitaj kaj funkciis 21 modernaj rozfabrikejoj kaj kvar plibonigitaj „gjulpani“*), kaj en Kazanlika regiono — ses rozfabrikejoj kaj du „gjulpani“. La kvanto da rozfloroj en Karlova regiono prilaboritaj je rozoleo estas 6 100 000 kilogramoj, el kiuj estas ricevitaj 1528 kilogramoj da rozoleo, kaj en Kazanlika regiono — 1 800 000 kilogramoj da rozfloroj, el kiuj oni gajnis 450 kilogramojn da rozoleo. Dum la sama jaro (1927) en tuta Bulgarujo estas rikoltitaj kaj prilaboritaj 8 300 000 kg. da rozfloroj = 2075 kg. da rozoleo. Unu kilogramo da rozfloroj kostas 12 levojn, kaj unu kilogramo da rozoleo kostas al la rozfabrikistoj 62 000 levojn. Oni eksportas la rozoleon precipe al Francujo kaj Usono. Pli grandaj rozfabrikistoj estas B. Mitov, T. Ŝipkov, T. Hristev, E. Bagarov, An. Papazov, Ŝaron Garnie, Montolan k. a. kaj kvin kooperacioj. Dank' al la lastaj la prezo de la rozfloroj estas plialtigita. La rozrikolto dum 1928 estas je unu triono malpli ol en 1927, pro la malvarmegoj dum la vintro; sed la prezo de la rozfloroj estas pli alta — 14 levoj po kilogramo.

La rozrikolto kaj prilaborado de la rozoleo komenciĝas ordinare je la 15-a de majo kaj daŭras ĝis la 20-a de junio. Tio estas la tempo, kiam tiu angulo de Bulgarujo similas al edeno. La freŝan montan aeron plenigas la rozaromo. La ĉarmo de la Roza valo allogas vojaĝantojn el la tuta mondo — kaj ilin ja bonvenigas la bulgara popolo.

Iv. Ŝivarov, Karlovo.

*) „Gjulpana“ = ordinara rozkaldrono.

## Markado kaj ringumado de birdoj.

La unua konata kroniko pri la markado de birdoj por rekoni ilin post flugado, ŝajne, estas tiu en la deka libro de la „Natura Historio“ de Plinio, kie li diras, ke roma sportisto prenis hirundojn el Volterra (Italio) al Romo. Dum ĉarkuradoj, birdoj estis markitaj per la koloroj de la gajnintoj kaj liberigitaj por porti la rezulton de la kurado hejmen.

Ŝajne, la unua birdo ringumita estis en la jaro 1710. Granda griza ardeo, portanta kelke da ringoj sur unu kruro, estis kaptita en Germanio. Unu el tiuj ringoj estis fiksita en Turkio.

Por kontroli la migradon kaj studi la kutimojn kaj movojn de birdoj, estis ellaborita sistemo de registrado kaj ringumado. Tiu sistemo multe progresis en Eŭropo, Usono kaj Kanado dum la pasintaj 28 jaroj, precipe post jaro 1920, kaj ĝi estas akceptita kiel modela metodo por esploro.

En la jaro 1899 Prof. C. C. Mortensen, instruisto en Viborg, Finnlando, komencis sisteme ringumi kaj registri cikoniojn, sturnojn kaj aliajn birdojn. La sistemo nun uzata similas al lia. Li estis la pioniro de praktika scienca metodo por registri kaj ringumi birdojn. Lia sukceso instigis al simila laboro inter birdologoj. La ringumado de migremaj birdoj per malpeza metala ringo, sur kiu estas stampitaj loko de ringumado, dato kaj nomo de la societo, pruvis, ke du mevoj, ringumitaj ĉe la insuloj Faroe, inter Anglio kaj Islando, atingis Novfaŭndlandon kaj Labradoron. Ankaŭ birdoj el Hispanio atingis Bermudon kaj Barbadon, kredeble, blovite trans la Atlantikan oceanon per uragano. Multe da vaneloj, eŭropa birdo, estis viditaj en Usono kaj pafitaj en Novfaŭndlando. Interesa fakto estas, ke unu el ili, mortigita ĉe Bonavista, Novfaŭndlando, portis ringon kun stampo „B. B.“ (brita birdo), metita sur ĝian kruron en Kumberlando, Anglio, en jaro 1926. Ne estas eble imagi, ke tiom da birdoj el Eŭropo, kaj almenaŭ unu el Anglio, estis arte helpataj por iri trans la Atlantikon; kaj, kvankam, ankoraŭ estas personoj, kiuj opinias, ke estas neeble al birdoj flugi trans la Atlantikon, tamen oni havas por tio pruvon. En novembro 1905 vanelo estis mortigita en Novfaŭndlando. Tiaj birdoj ankaŭ estis trovitaj en Grenlando, Nova Skotio, Novjorko, Kanado, Alasko, Bermudo kaj Barbado, kaj ili regule vintras sur unu el la atlantikaj insuloj apud la afrika marbordo. Vaneloj troviĝas ĉie en la malnova mondo.

Fine de decembro pasintjara multe da birdoj tuj post la furiozaj uraganoj el nordoriento alvenis en Novfaŭndlandon. Kredeble, la ventego transportis ilin. De Irlando al St. Johns (Novfaŭndlando) estas proksimume 3 000 kilometroj. Al rigardanto la vanelo ŝajne flugas nerapide, sed ĝi estas forta kaj rapidfluga birdo: ĝia normala rapideco, laŭ Meinertzhagen, estas inter 60—70 kilometroj pohore. Observanto en aeroplano konstatis, ke vanelo flugas po 60 kilometroj hore kontraŭ vento blovanta kun rapideco de 20 kilometroj hore, do la efektiva rapideco estis po 80 kilometroj hore. Supozu, ke tiuj birdoj flugas po 80 kilometroj hore; helpate de vento, ankaŭ moviĝanta po 80 kilometroj hore, ili povos transiri la Atlantikon al Novfaŭndlando el Irlando en proksimume 20 horoj. Kaj ne estas la kaŭzo dubi, ke flugante senpene en rapidmoviĝanta aera kurento, birdoj povas daŭre flugi tiom da tempo. La „ora pluvio“, parenco de vanelo, estas konata kiel birdo, kiu kovras ankoraŭ pli longajn distancojn, ekzemple, el Alasko al Havajo. Plue ni scias, ke vaneloj ofte flugas ĉe alteco de 3 000 metroj, kaj vento ĉe tia alteco estas ofte pli forta ol vento proksima al la tero.

Neniu birdo ringumita en Usono estas ĝis nun kaptita en Eŭropo, kvankam multe da amerikaj birdoj perdintaj la vojon estis viditaj en Eŭropo. Unu ringumita usona birdo estis trovita en Afriko. Tiu estis vulgara ŝterno (mara hirundo) ringumita en la jaro 1913 ĉe Muscongus Bajo (Maine, Usono). Kvar jarojn poste, negro, remanta kanoton sur rivereto enfluanta en la riveron Niger ĉe la okcidenta marbordo de Afriko, trovis nekonatan al li blankan birdon, flosantan senviva sur la akvo. Tiu birdo portis metalan ringon sur unu el siaj kruroj. La negro portis ĝin al misiisto, kaj tiel la ringo kaj sciigo pri tiu birdo atingis la oficejon de la Biological Survey, Usona Departemento de agrikulturo.

E. E. Y.

## Usono kaj virino.

Esti estimata kaj adorata estas certe tre agrabla; tamen tiu ĉi agrablaĵo havas la saman sorton kiel ĉiuj aliaj aĵoj. Dum iu aĵo estas nova, ĝi estas dezirata; sed post kelke da tempo oni eĉ ne rigardas ĝin — ĝi fariĝas enuiga. Eĉ la dioj de Grekujo, kiuj estis tiom amataj kaj adorataj, enuis kaj rezignis pri ĉiuj potencoj kaj honoroj, kiujn oni faris al ili.

Tiutempe oni adoris diojn, sed nun delonge ĉi tiu adorado transiris al virinoj, kiuj regas senlime en Usono, kaj oni oferas por ili pli da parfumo, juveloj, oro kaj floroj ol por la iamaj loĝantoj de Olimpo; kaj ĉi tiu adorado estas, kiel iliaj (usonaj) aliaj aferoj, laŭ nubgratula skalo; kial ĝi ne devus esti „the greatest of the world?“ — nenia kaŭzo, do ĝi estas.

Tamen je la horizonto aperas revolucio, la diinoj ne estas kontentaj; multaj eĉ ne scias, kial kaj kiel. Ĉi tiu sento de revolucio estas ankoraŭ en subkonscia stato, kaj ĝi kompleksiĝas. La kaŭzo estas laceco, enuo de tiom da adorado. Esti adorata matene, tagmeze, certe ankaŭ vespere — estas kvazaŭ oni devus vivi nur per kirlita kremo. Oni ja treege deziras kelkfoje manĝi ankaŭ iom da nigra pano kun bona peco da simpla ŝinko, sed la usonaninoj delonge devis subpremi tiaspecajn dezirojn.

Bona ekzemplo estas, ke multaj usonaninoj, kiuj edziniĝis al eŭropanoj kaj translokiĝis Eŭropon kaj kies edzecoj ofte estis malfeliĉaj, ne reveturis hejmen por rikolti honorojn, sed ili restis en Eŭropo. La usonano, kiu regas ĉiuspecajn maŝinojn, ne povas regi siajn virinojn. La virino estas laca regi sklavojn, tiu regado ne ĝojigas ilin. Certe estas granda plezuro, kolerigi la amikinon per posedo de pli multe da belaj vestaĵoj, de pli multe da diamantoj kaj de pli multekosta aŭtomobilo ktp.; sed ĉi tiu plezuro finfine apartenas al la kategorio de plezuroj dubaj kaj ne povas daŭri longe. En Usono mankas la batalo de seksoj; kiel ĉiu virino, ankaŭ usonanino volas batali kontraŭ la viro, sed ŝi neniam havas la okazon, ĉar la aliulo dekomence estas preta cedi. Tra generacioj oni sugestis al li, ke li nepre estimu la virinon (en usonaj lernejoj kaj universitatoj instruas ofte virinoj kaj pro tio la sugesto estas memkomprenebla), ke li plenumu ĉiujn ŝiajn dezirojn, ke li laboru por ŝi, ke li ne devas diri al ŝi eĉ unu maldolĉan vorton. Ĉi tiu multjara sugesto havis la rezulton ĉe la usonano, ke la respekto por la virino fariĝis lia dua naturo.

La virino havis neniun alian volon ol sian propran; sed nun ŝi volas havi unu almenaŭ apud ŝi mem.

Radjabnia.

## Edzeco inter la bestaro.

Granda parto da bestoj vivas en „libera amo“, trinkante grandajn glutkvantojn el la „pokalo de malpermeso“. Estas bestoj, kiuj vivas simile kiel turkoj. T. e. unu virbesto vivas kun aro da inoj. Aliaj bestoj vivas kiel tatarinoj, kie unu virino havas samtempe kelkajn edzojn. Sed estas ankaŭ bestoj, kiuj vivas dum sia tuta vivo en fidela edzeco, kiel bonaj homoj. Multe da fidelaj geedzoj en la bestara regno ekzistas inter birdoj, homsimioj, insektoj kaj eĉ inter serpentoj. Interesaj estas ankaŭ daŭraj edzecaj statoj ĉe maraj kraboj, fiŝoj kaj kelkaj vermoj, el kiuj multaj ĝis la morto vivas fidele kun siaj „karaj duonoj“.

El skaraboj estas la plej fidelaj geedzoj inter la sanktaj egiptaj geotrupoj („sterka skarabo“) kaj ĉe similaj pli ol sesdek specoj de diversaj sterkaj skaraboj. Modelajn geedzojn ni trovas ankaŭ ĉe konataj cikadoj (ekzotikaj griloj). Ili ne malofte atingas aĝon de pli ol 25 jaroj. Ili do povas festi „arĝentan edziĝofeston“.

Inter multaj birdoj troviĝas tre fidelaj paroj, kiuj sian tutan vivon restas fidelaj unu al alia. Ekzemple, kolomboj — sed nur la speco de „kolomboj poŝtaj“. Kolombinon ni ofte juĝas kiel modelon de pureco kaj geedza fideleco. Sed ŝi tute ne meritas tiun ĉi komparon. Observu kolombojn sur via korto, kaj vi konvinkiĝos, ke unu kaj la sama kolombino ne hontas dum unu duontago feliĉigi per sia amo kaj korpo ne kelkajn, sed eĉ ĉiujn kolombojn el la kolombejo. Same tiel „libere“ vivas la virseksaj kolomboj. Sed poŝtaj kolomboj („leterkolomboj“) estas tute aliaj. Ĉu vi pensas, ke poŝta kolombo revenas, eĉ de tre malproksime, en sian hejmon pro tio, ke tie estas ĝia hejmo, ĝia kolombejo, ĝia mastro, kiu ĝin nutras per greno? Tute ne! Ĝi revenas pro tio, ke en tiu kolombejo vivas ĝia „edzino“. Poŝta kolombo vivas en severa monogamio, kaj ĝuste sur tiu ĉi fakto bazas la tuta uzado de kolombo por poŝta servo. Kamparanoj povus rakonti al vi pri fidelaj geedzoj cikoniaj, kies observado estas vera ĝuo por ĉiu amanto de naturo. Mi havis okazon, dum kelkaj jaroj observi fidelan paron da hirundoj, kiuj alfluginte printempe rebonigis sian malnovan neston, eĉ dufoje dum somero elnestigis idaron, aŭtune forflugis kaj printempe denove revenis. Kaj tamen estis ĉiam la sama paro, kun ruĝa ringeto sur la piedoj.

Sciencistoj asertas, ke multaj maraj kraboj vivas ankaŭ popare sur la mara fundo.

Sed la plej feliĉaj „edzecoj“ estas tiuj de kelkaj krustobestoj. Ekzemple ĉe oniskoj. Oniskinoj portas sian edzon, kiu kompare al sia granda ino estas vera ~~pigmeo, dum la tuta vivo sur sia koro. La virbesto estas de sia ino sirmata kaj nutrata kiel infano.~~

Mirinda estas ankaŭ la familia vivo de kelkaj verdaj bonelioj (bonelio = granda mara vermo). Relative grandega boneliino (ĝis 20 centimetrojn longa) portas sian etan edzon (nur 1—2 milimetrojn longan) en sia buŝo, tamen ne formanĝante „lin“.

Sed super ĉiuj „bestaj geedzoj“ staras kelkaj parazitaj vermoj, kiuj vivas sur brankoj de fiŝoj aŭ en pulmoj de kelkaj birdoj. Virbestoj de tiuj ĉi vermoj, post ama ĉirkaŭpreno kun sia elektita ino, restas en daŭra kuniĝo kun ŝi. Neniam ili disiĝas kaj restas kunigitaj tiel longe, ĝis iliaj korpoj efektive kunkreskas. Poste ili formas unu korpon ĝis la morto . . . ĝuste tiel, kiel estas skribite en la Biblio . . .

Ŝustr.

## La aglo.

(El „Eĥoj de malespero“.)

De Vincas Kreve.

Vi demandas min, knabino, kial mi ne venas al la pordo de via ĝardeneto, kie vi apoge staras . . .

Kial mi ne venas — nek frumatene, nek malfruvespere, kaj vi vane min atendas . . .

Kiam mi estis en fremda lando, mi trovis tie sur roko de alta monto neston de aglo.

De aglo, kiu ne flugadas en la blua ĉielo de nia lando, en la lando de dezertaj ebenoj.

Mi prenis el tiu nesto junan aglidon, kunportis ĝin en nian landon, elbredis, elkreskigis ĝin.

Kiam plifortiĝis ĝiaj flugiloj, kiam la aglo eksentis forton en la brusto, ĝi komencis flugadi en ĉielaj altaĵoj.

Flugadi kiel aglo, kiu estas reĝo de ĉiuj birdoj.

Sed ĉar ne estis tie ĉi altaj montoj, sur kies rokoj ĝi povus trovi lokon por noktpasigo, ĝi revenadis ĉiam sub mian tegmenton.

Malvasta estis por la aglo mia kabano.

Kaj pripensis mi, primeditis la jenon: estas en nia lando la reĝo, kiun ĉiuj estimas kaj amas.

Ĉiu portas al li donace la plej bonan, kion li nur posedas.

Kaj ĉar mi havas nek oron, nek arĝenton, nek aliajn riĉaĵojn, kiujn mi povus donaci al la reĝo, mi portos al li mian aglon, kiu estas birdo de ĉiuj birdoj . . .

Ekĝojis la reĝo je mia donaco, ĉar multe plaĉis al li la aglo.

Por ke ĝi ne perdiĝu, elfluginte al ĉielaj altaĵoj, li ordonis kateni ĝiajn piedojn per oraj ĉenoj kaj ĝin mem enfermi en kaĝon.

Kaj al mi permesis la reĝo restadi en liaj palacĝardenoj, kiuj estas kvazaŭ fabelarbaro.

Sed subite mortis la aglo en la kaĝo. Neniu sciis, ĉu ĝi senintence traboris sian bruston per drato, ĉu per katenitaj ungoj ĝin disŝiris.

Ne demandis la reĝo, kial mortis la aglo tie! Subite: li nur ekkoleris je mi, dirante, ke mi lin trompis.

Li malpermesis al mi restadi en liaj ĝardenoj kaj ordonis al mi foriri el lia regno.

Kaj nun mi vagadas kiel tiu, kiun ĉiuj persekutas, tra arbaroj, deklivoj kaj marĉoj . . .

Kie homoj ne iradas, sed sole la bestoj sovaĝaj, kiuj amas liberon, kiel mia aglo ĝin amis.

Vagadas mi tie kaj ne bedaŭras la ensorĉigitajn ĝardenojn de l' reĝo . . .

Ĝardenojn, kiuj estas kvazaŭ fabelarbaro . . .

Do ne demandu min, belknabino, kial mi ne venas al la pordo de via ĝardeneto, kie vi, juna, apoge staras . . .

Kial mi venas nek frumatene, nek malfruvespere, kvankam vi, bela, min tie atendas . . .

El litova lingvo tradukis

P. Lapiene.

## Ŝparaĵoj de s-ino Dora.

De Luigi Lucatelli.

El itala lingvo tradukis Perhak.

S-ino Dora estis 32-jara belulino, havanta blondajn harojn, ĉarman infanan buŝon kaj du flatajn dorlotnomojn: Zizi kaj Lulu.

Al sia edzo ŝi diradis: „Via Zizi bezonas novan ĉapeleton!“ kaj al sia amanto: „Via Lulu vivadas nur por vi!“

Krome ŝia gracia, infaneca movebleco belaspektigis ŝin kaj kiam Alfredo, kavaleria oficiro, diradis: „Hodiaŭ ni trrrioble atakis!“ ŝi malfermegis la okulojn, kvazaŭ ŝi estus knabineto, timanta pro iu terura fabelo, kaj kunmetis adore siajn manojn, dirante: „Ho, kiel vi estas kuraĝa!“

Pro tio Alfredo, malsaĝa kaj malmodesta, konsciis pri sia heroa valoro.

S-ino Dora sciiĝis foje de sia amikino Ĝani, kiu konfidis ĉion al ŝi, ke Ĝani donacis al sia amata Bibi, studento, elegantulo kaj nekorektebla pekulo, kravatpinglon kun brilianto, kaj s-ino Dora tuj imagis, kiel Alfredo estus ĝojigita, se ŝi donacus al li luksan bastoneton kun ĉizelita orbutono. Koncerne al tiuj memorindaj cirkonstancoj, Ĝani devis klarigi al ŝi „la sistemon de malgrandaj ŝparaĵoj“.

La venontan tagon jam matene s-ino Dora detale meditis, kaj post zorgema cerbumado pri diversaj konteroj de ĉiuj mastrumaj elspezoj ŝi venigis la edukanton de sia fileto, maljunan latiniston, kiu estis tre klera kaj pro tio sufiĉe malriĉa.

Ŝi diris al li: „S-ro profesoro, helpu min savi el malagrabla situacio! Ni havis lastatempe tro grandajn elspezojn, kaj ni estas devigataj sekve de tio pli malaltigi vian salajron. Se vi konsentas kun ni pri duono de via ĝisnuna salajro dum daŭro de kelkaj monatoj, mi estos feliĉa, povante plue akcepti viajn servojn.“

La profesoro paliĝis, sed ĉar li havis multajn faldojn en sia vizaĝo, s-ino Dora tion ne rimarkis. Sed post unu monato la ĉambristino, kiu konscience gardis la honoron de la domo, ekkoleris, vidinte la profesoron apude en la veturilejo, jus kiam li manĝis, por kvin ĉentezimoj, panon kaj samkostan fromaĝon.

Krome s-ino Dora rifuzis la servojn de sia ĝisnuna kudristino kaj efektivigis siajn mendojn en monaĥinejo, kie laboris malkare multaj knabinoj, kolektitaj de sur la strato. Tiamaniere ŝi konsiderinde plimultigis siajn ŝparaĵojn kaj plenumis samtempe bonan faron.

Tiu ŝanĝo kontentigis ŝin tiom, ke ŝi rekomendis ĝin al ĉiuj siaj amikinoj; kompreneble la kudristino estis devigita serĉi alian, malpli decan okupadon.

Sed la plej sprita ideo estis ŝia elturniĝo, koncerne al la nutraĵo de l' servistaro kaj per kiu ŝi povis ankoraŭ pli ŝpari: pli malgrandigante la kvanton da vino ĝis la duono kaj ŝanĝante la menuon laŭ teorio de D-ro Borbadoffo, kiu post longdaŭra esplorado malkovris la plejmulton da nutraj substancoj en la — terpomoj.

# Hungarujo kaj la hungara Esperanto-movado.

Mi volas restigi min mem for de ĉia politiko; tamen, volante skribi pri la estonta evoluo kaj la nunaj eblecoj de la hungara Esperantismo, mi estas devigita rilatigi la demandon pli malpli al la politiko.

Antaŭ la milito Hungarujo estis liberala lando klopodanta partopreni en la komuna laboro de la nacioj. La milito, en kiu ni perdis 500 000 mortintojn, la tri revolucioj, la daŭra ŝanceliĝo de la animoj inter la ekstrema internaciismo kaj la nacia ŝovinismo, la financa situacio de Hungarujo ĝis malesperigo malboniĝinta — ĉio-ĉi kune efikis por perdigi la emon de la homoj por tiaj ideoj, kiuj estis ekster la naciaj problemoj. La ekflamiĝanta nacia konscio erare klarigis Esperanton, kaj la hungara socio imagis ĝin **ne** komuna ideo **inter la nacioj**, sed ideo de l' **internaciismo.** Malvarme kaj malamike oni akceptis la tamen laborantan sed malfortan Esperanto-movadon.




La hungara popolo tiam opiniis, ke la homaro forlasis Hungarujon en ĝiaj malfacilaj kaj malfeliĉaj tagoj. Grandaj movadoj komencis forigi Hungarujon de la Okcidento kaj de la okcidenta kultura komuneco. Oni volis renovigi la praan orientan hungaran kulturon, kaj oni serĉis la unuiĝon kun la orienta kultura komuneco.

Iom post iom pliboniĝis la situacio de Hungarujo; ankaŭ la eksterlando proksimiĝis al ni, kaj nun en Hungarujo mildiĝis la malamikeco, la malvarmeco. Denove ekflamis la sopiro partopreni en la klopodo de la okcidentaj kulturpopoloj, plie konformiĝi al la komuneco de la okcidenta kulturo, havigi kaj renovigi la eksterlandajn interrilatojn. Nuntempe pro tio ankaŭ kontraŭ Esperanto mildiĝis la rigideco de la socio, kaj jam nun ni povas konstati, ke la hungara socio komencas interesiĝi kaj atenti nian laboron kaj Esperanton.

Seriozaj oficialaj kaj sociaj faktoroj ne nur interesiĝas pri Esperanto sed akceptas ĝin kiel unu el la iloj de interrilatiĝo kun eksterlando. Verŝajne ni povos pruvi, ke Esperanto estas uzebla ne nur kiel ilo de l' universala homa celo, sed kiel tre grava ilo de la nacia ideo kaj uzebla faktoro en la servo de la reala intereso de l' individuo.



Antaŭ nelonge, en la Budapeŝta 3-a Financa Kongreso, s-ro D-ro Julio Lukács, hung. reĝa financkoncepisto, kaj s-ro Stefano Zöldy, poŝtĉefoficisto, pruvis la uzeblecon de Esperanto. Ili partoprenis en la kongreso, portante sur siaj brakoj rubandon kun Esperanto-surskribo, kiel „esperantistaj aranĝantoj“. (Vidu apudan ilustraĵon!) Rezultato de ilia entuziasma laboro estas, ke en la venontaj kongresoj de la finn-ugraj popoloj la ŝancoj por Esperanto estos pli grandaj.

Hungara Oficista Esp. Ligo fondiĝis dum vintro. Nova sukceso estas, ke antaŭ nelonge ankaŭ fondiĝis Hungara Landa Katolika Esp. Societo. (Vidu la alian ilustraĵon!) En ambaŭ societoj, altrangaj oficistoj (eĉ unu parlamentano) partoprenas en la Esperanta laboro. Tiuj ĉi faktoj estas tre gravaj, ĉar ĝis nun nek la oficistoj nek la klerikuloj volis aliĝi al Esperanto.

Verŝajne ĉiu samideano konas la plej belan lagon de Eŭropo . . . el geografiaj libroj; sed malmultaj scias, ke tiu ĉi lago estas la Balatono (germane „Plattensee“). La Hungara Reĝa Jaktklubo aranĝis je 5. 8. la unuan „Balatonan Kulturtagon“, en kiu partoprenis tuta Hungarlando. Vico da solenoj, brilaj ludoj, luksaj fajroludoj okazis dum tiu kulturtago sur la tuta grandega akvospegulo de la lago kaj en ĉiu banurbo kaj kolonio de Balatono. En kvar centroj de la kulturtago estis esperantistaj aranĝantoj, kio signifas, ke la plej ekskluziva hungara societo akceptis Esperanton kiel lingvon uzeblan apud la germana, franca, angla kaj itala lingvoj.

Same antaŭ nelonge fondiĝis HIKE (Hungara Informa Korespondado per Esperanto) kiel internacia Esperanto-servo por la naci- kaj esperantlingva gazetaro. Tiu ĉi-servo celas laŭ plena vero informi per Esperanto la eksterlandajn revuojn, ĵurnalojn ktp. kaj la tutan samideanaron pri Hungarujo, pri la hungara literaturo, kulturo ktp. kaj pri la pli gravaj hungaraj novaĵoj. **Adreso: HIKE, D-ro Julio Lukács, Piliangó u. 13, Budapest 7, Hungarujo.** La nomita servo ankaŭ al individuaj samideanoj respondos pri iu ajn temo koncerne Hungarlandon.

Stefano Puskás,
ano de HIKE.

# Jam nun

komencu ŝpari por partopreni la Budapeŝtan Kongreson en la venonta somero!

# El Scienco kaj Tekniko.

**Vegetara vivo.**

**Esploroj kaj eltrovoj de Sir J. C. Bose.**

Dum vizito en Hindujo la antaŭlastan vintron mi ĉeestis prelegon en la Universitato de Lahore faritan de Sir J. C. Bose, la bengala sciencisto el Kalkuto, fama pro siaj esploroj pri la organismo kaj vivo de plantoj; esploroj, kiuj revoluciigis niajn ideojn pri tiu temo kaj pruvis, ke la vivo de l' plantoj kaj de l' animaloj estas tre simila kaj diferencas inter si nur grade, ne esence. Li montris antaŭ niaj okuloj eksperimente per de li speciale elpensitaj aparatoj de ekstrema sentemeco ke, simile al animaloj, plantoj ankaŭ suferas doloron kaj ĝuas plezuron; plue ke oni povas okaze eĉ veneni kaj kuraci ilin per la samaj rimedoj, kiuj efikas sur animalojn. Liaj eltrovoj estas de plej granda graveco, unuigante, kiel ili faras, ĉiujn vivfenomenojn sur la tergloboj kaj demonstrante nian parencecon ne nur kun la animaloj sed ankaŭ kun la plantoj. La tempo ŝajnas proksima, kiam la homoj ekkonos, ke la tuta universo, kreita de Dio, estas parenca, kaj ke eĉ la tiel nomata senviva materio posedas energion parencan al la vivforto de vivaj estaĵoj. La temo estas tiom interesa ke, kiam mi legis antaŭ nelonge artikolon en angla ĵurnalo pri lekcio farita en Vieno de Sir J. C. Bose, mi tuj decidis traduki ĝin por la profito de la legantaro de Heroldo.

Mi ĵus ĉeestis, skribis la Viena korespondanto de „Daily Express“, du kazojn rimarkindajn de elektrokuto, en kiuj la morto estis preskaŭ momenta; unu kazon de intenca venenado per kalia cianito, en kiu la morto okazis post dek minutoj; unu kazon de venenado kaj posta neŭtraligo de la veneno per kontraŭilo aŭ antidoto donita ĝustatempe por savi la vivon de la viktimo; kaj unu kazon de revivigo el morto.

La ekzekutisto kaj savanto estis Sir Jagadis Chandra Bose, la eminenta hinda botanikisto, kaj liaj viktimoj estis lekanto kaj pluraj tomatoj. La eksperimentoj fariĝis ĉe privata demonstracio de lastaj eltrovoj de Sir Jagadis, en ĉeesto de la ĉefaj medicinistoj kaj sciencistoj de Vieno.

„Kion vi plej deziras vidi?“ demandis Sir Jagadis. Estas vane elekti inter la serio da miraklaĵoj, kiujn li proponis montri; tial oni petis la sciencistom esprimi per unu frazo la esencon de siaj novaj eltrovoj.

„Certe,“ li respondis. „Kion mi eltrovis, estas ĉi tio: — ke la antaŭa divido inter la animala kaj vegetaĵa regnoj estas grandparte sensignifa, ke la planto estas nur staranta (»stacionara«) animalo, kaj la animalo estas nur moviĝanta planto.“

Sir Jagadis prenis malgrandan tigon de lekanto kaj fiksis ĝin en unu el siaj instrumentoj de eksterordinara sentemeco kaj akurateco. La gorĝo de la planto estis tenita en tenilo, dum kontraŭ la trunketo estis metita malpeza vergeto de grandega sentemeco. Aranĝo de speguletoj, sentemaj risortoj kaj malgranda, sed potenca, projekciilo mikroskopa ebligis montri la plej etan movon de la sentema planto per ombro ĵetita sur la muron. Tiam Sir Jagadis pasigis malfortan kurenton elektran tra la planto kaj samtempe tra unu el la ĉeestantaj sciencistoj, mondfama orelspecialisto, kiu estis en la sama cirkuito. La homo sentis nenion, sed ni ĉiuj vidis la ombron flagreti kaj danci, tuj kiam la planto ekspasmis ĉe la elektra frapo.

„Nun“, li diris, „mi elektrokutos ĉi tiun planton.“

Li pasigis kvin aŭ ses fortajn kurentojn elektrajn tra la malfeliĉa planto. La nervombro sur la muro

---

Konsekvencoj estis: eta stomakdifekto de l' veturigisto, plimalboniĝo de l' anemio ĉe la kuiristino, skandalo en la familio de la kudristino, kiu forgesis ĉiujn moralajn regulojn, kaj fine svenoj de la profesoro, kiu falis de sur ŝtuparo.

Sed je la tago de Sankta Alfredo, s-ino Dora donacis al sinjoro leŭtenanto altvaloran bastoneton kun ĉizelita orbutono.

Kaj kiam Alfredo, pro ĝojego ruĝiĝante, demandis: „Kiel vi povis tion ĉi efektivigi?“, ŝi grimacis ruze per sia infaneca buŝeto kaj, minacetante per fingro, ŝi diris: „Via Lulu estas prudenta knabineto kaj havas siajn malgrandajn ŝparaĵojn!“

Kaj Alfredo ĉirkaŭbrakis ŝin, ekkriante: „Mia kara, mia plej kara!“

## Anekdotoj.

Rakontitaj de D-ro S.

**Nur du vortoj.**

La prusa reĝo Frederiko 2-a estis tre okupita, kiam maljuna kapitano petis aŭdiencon. Ĉar oni ĝin rifuzis, la oficiro certigis, ke li volas diri nur du vortojn dum la aŭdienco. La reĝo, al kiu tio estis anoncata, fariĝis scivola kaj enirigis la kapitanon alparolante lin: „Ne pli ol du vortojn, kapitano!“ La kapitano riverencis kaj enmanigis al la reĝo petskribon, en kiu li postulis pension, dirante: „Tuj subskribu!“ La reĝo ridis kaj — subskribis.

**La idiotulo.**

Franca gazeto rakontas:

Okazis vespermanĝo en la domo de ŝatata respublikano, kaj krom kelkaj senatanoj ankaŭ Victor Hugo estis aperinta. La horo, kiam oni laŭ kutimo iris al la tablo, estis jam delonge pasinta, kaj la servisto ankoraŭ ne anoncis: „Estas aranĝite!“

Intimulo de la domo alproksimiĝis al la ŝajne iom ekscitita dommastrino kaj ŝerce diris: „Ĉu mi eraris? Mi pensis, ke ni estas petitaj al la tablo?“

La sinjorino flustris: „Ts!, ni estas dekkvar; sed lastmomente sinjoro L. estis malhelpita veni. Mi nun invitigis dekkvaran; ĉar inter la gastoj estas unu, kiu neniam kiel la dektria sidiĝus al la tablo.“

Kelkajn minutojn poste staras la intimulo babilante ĉe Victor Hugo, kun kiu lin ligis multjara amikeco. „Ĉu vi scias,“ li diris kapskuante al la poeto, „kial ni ne iras al la tablo? Tial ke iu idiotulo estas inter ni, kiu timas sidiĝi al la tablo, kiam ĉeestas nur dektri.“

Victor Hugo rektigis sin, rigardis severe sian amikon kaj per apenaŭ festa tono diris: „Tiu ĉi idiotulo estas — **mi!**“

**La tro konsciencaj.**

Du migrantoj venis nokte al fervoja transirejo. La barilo estis fermita. Ili legis per la lumo de elektra poŝlampo la vortojn sur tabulo: „La malfermado de la barilo estas malpermesita!“ — „Do, ni atendu!“ diris la migrantoj. Sed ili atendadis vane. Fine ili vokis. La fervoja dometo kontraŭ ili malfermiĝas, kaj iu voĉo krias: „Kial vi ne malfermas la barilon kaj transpaŝas?“ — „Sur la tabulo estas skribite, ke tio estas malpermesita!“ — „Sed tion vi **nokte** ne povas legi!“ diris la voĉo.

**Ses semajnojn li trinkadis kaj dormadis.**

Felix Dahn, konata germana poeto, estis iufoje, post parolado en Hamburg, invitata al vespermanĝo. Sed li rifuzis dirante, ke li estas tro maljuna por partopreni grandajn festojn, kiuj laŭ Hamburga kutimo ĉiam estas tre penplenaj. Li aldiris, ke dum sia unua restado ĉi tie li seninterrompe trinkadis kaj dormadis dum ses semajnoj. Kompreneble, oni estis tre scivola, kien li tiam estis invitita. — Dahn respondis ridetante: „Estis la unuaj ses semajnoj de mia vivo.“

## Humoro.

**Ŝi manĝas rapidege.**

Edzino (al la edzo): Mi manĝas pli rapide ol vi.

Edzo: Certe vi devas manĝi rapidege, vi ja havas grandegan buŝon. (B. St.)

**Infana kompreno.**

Karlĉjo estas ĉe la dentisto, kiu devas al li eltiri denton. Li krias, kvazaŭ li estus sur rostilo. Lia malgranda frateto provas trankviligi lin: „Do ne havu timon, Karlĉjo! Estu gaja! Poste vi ja havos por purigi unu denton malpli multe!“

(A. Bernatschek.)

**Plej moderne.**

— Mia edzo forkuris de mi; dum mi sidis ĉe la direktilo de nia aviadilo, li desaltis kun falŝirmilo.

(A. B-k.)

**Sufiĉas.**

Li: Mi prenas la lunon kaj stelojn kiel atestantojn, ke mi vin amas.

Ŝi: Mi ne bezonas tiom da atestantoj; por mi sufiĉas edziniĝo. (B. St.)

## Tra nebulo.

„Tra densa nebulo briletas la celo.“
L. Zamenhof.

Al ora cel' tra densnebulo —
Jen estas glora, bela voj'!
Do, semu fajrojn de sunbrulo
Kaj stelojn de flagranta ĝoj'!

La voj' nebula — voj' kruela:
Aŭtuno. Pluv'. Malvarma vent' . . .
Sed brilas la Smeralda Stelo
En griza nuba firmament'.

Ĝi la gvidil' al Suno estas,
Ĝi — radianta en malhel' . . .
Nur senhaltuloj venkon festos . . .
Antaŭen do! Al nia cel'!

Al cel'! Antaŭen, gekaruloj!
Ĝi estas glora, bela voj'!
La Sunon semi tra nebuloj
Kaj stelojn de flagranta ĝoj'!

S. Davidov.

eksaltis kaj ekspasmis en mortagonio, daŭranta eble tri sekundojn, poste restis senmova. La kurento denove aplikiĝis. La viktimo ankoraŭ ne tute mortis — ĝi faris spasman ektremon, sed tio estis ĉio. Pluaj aplikadoj de kurento nun tute ne montris la plej etan respondon en la elektrokutita korpo. Nu, tio estis miraklo — ne nur en la okuloj de la laikoj sed en tiuj de la plej eminentaj sciencistoj de tiu granda scienca urbo, kaj ili tiel diris, amasiĝante ĉirkaŭ la hindan botanikiston por premi lian manon kun senlima entuziasmo.

La plantkuracisto nun entreprenis la pli humanan rolon de savanto de mortanto. La hinda helpanto de Sir Jagadis faligis dekduon da gutoj de malforta solvaĵo kamfora. Post malmultaj sekundoj venis la respondo. Kun klaraj pulsaj batoj, regulaj kiel horloĝa tiktakado, la registra ombro ekmoviĝis maldekstren, kiam la vejnoj etendiĝis ĉe la pumpa agado pelanta la sukon. La koro denove funkciis. Post kvin minutoj la registranta aparato estis ne plu bezona por montri la okazintaĵon. La sveninta planto restarigis la kapon kaj la folioj grade leviĝadis el preskaŭ vertikala al horizontala kaj pli supra pozicio sub nia rigardado.

Apenaŭ finiĝis tiu ago de kompato, kiam la granda sciencisto — por nia profito — detruis la vivon, kiun li ĵus savis. Kelkaj gutoj da kalia cianito aplikitaj al la malgranda spongo, sur kiu la trunketo staris, kaj la funkciado de la koro haltis. La folioj kliniĝis, dum ni ilin observis kontraŭ la blankan murfonon — la lekanto estis mortinta.

Sir Jagadis observadis sian pacienton same kiel faras kuracisto uzanta mortigan narkoton en kazo de urĝeco. „Haltu, haltu!" li kriis al la helpanto. „Rapide nun — la antidoton!" Dudek gutojn de la vivsava fluido, kaj la nervoj ĉesis kuntiriĝi. Dum unu minuto regis silento. Tiam malrapide, komence rigide, same kiel la vivo revenas al duondroninto ĉe artefarita spirado, poste regule, perfekte ritme, la korbatado rekomencis.

La laboro de la granda sciencisto ne estas de nur empiria karaktero. Dum la laborado sur la planto, novaj teorioj pri medikamentoj evoluiĝis, novaj kuracaj plantoj eltroviĝis, kies ekstraktoj havas eksterordinaran potencon por revivigi malfortiĝantan koron.

Unu el tiuj ekstraktoj Sir Jagadis nomis »amra«. Li montris al ni ranon, ŝajne mortintan, kies koro ĉesis bati de pli ol du horoj. La korpo de la rano estis malfermita kaj ĝia koro fiksita al nova komplika aparato, unu el la lastaj elpensaĵoj de Sir Jagadis, nomita »sonora kardiografo«. Oni faligis kelkajn gutojn de la »amra« sur la koron, kaj la plej granda faro de la vespero ekprogresis. La koro de la mortinta besto revenis al vivo, leviĝis kaj malleviĝis ritme antaŭ niaj okuloj, ĉe ĉiu bato levante kaj mallevante je kvarono da colo levilon, kiu sur fumaĵita vitraĵo registris precize grafikaĵon de la koragado.

F. O. Lechmere-Oertel.

## Ŝercoj.

Jen!

— Ni iru en la cirkon! Tie estas virsimio, tiel saĝa, ke li laboras por tri homoj!

— Jen! li ne estas prudenta! (A. B-k.)

Frenezulo.

— Ni forkuru rapide, post ni iras frenezulo!

— Kiel vi tion scias?

— Li hieraŭ pruntedonis al mi dek zlotojn. (B. St.)

# Diversaĵoj.

**Forlasita grandurbo en la ĝangalo.**

Kiam la esploristo Robert Casey troviĝis en la siama urbo Angkor, li aŭdis rakonti pri forlasita urbego en la ĝangalo (ĝunglo). Akompanate de indiĝenaj gvidistoj li penetris per aŭtomobilo kelkcent mejlojn en la ĝangalon. Poste li devis piedmarŝi plifajn 25 mejlojn, eĉ tute sola, ĉar la indiĝenoj rifuzis plu akompani lin, timante tigrojn kaj elefantojn. Alveninte je la celo, Casey nur povis rigardi la urbruinojn de malproksime, ĉar la urba fosejo estis plena de krokodiloj. La urbo estis granda fortikaĵo, tiom ampleksa, ke (laŭ opinio de Casey) ĝi certe iam servis kiel loĝejo por pli ol cent mil homoj. La esploristo supozas, ke en la temploj post la fortikaĵaj muroj troviĝas ankoraŭ grandaj trezoroj el pasintaj jarcentoj kaj ke en la urbo oni povos trovi postsignojn de antikva civilizacio. Casey opinias, ke indoneza popolo, la „Kmer", kiun forpelis la siamanoj kaj kiu poste malaperis senpostsigne, en la kvina jarcento post Kristo loĝis en la ĝangalurbo kaj iom post iom formortis.

**Ankoraŭ ekzistas aventuroj: Unue ĉefserĝento — poste ministrestro — kaj fine . . . reĝo?**

Simile al Napoleono, kvankam en multe malpli granda mezuro, kaj sekvante la ekzemplon de la ŝaho de Persujo, la iama ĉefserĝento en la aŭstra-hungara armeo Aĥmed Bey Zogu, el nobla albana familio „Zogolli", estas paŝanta al la reĝa digno. Antaŭ sep jaroj li vivis ankoraŭ en Wien, kiel simpla, neatentata mortontulo. Tiutempe li revenis Albanujon por fari politikon. Li tuj uzurpis la gvidadon de la sendependeca movado, estis jam en 1922 ministro de internaj aferoj kaj iom poste ĉefministro. Sed la popolo forpelis lin pro lia solregemo, kaj episkopo Fan Noli fondis demokratan reĝimon. Du jarojn post sia forpelo, Aĥmed Zogu kolektis aron da fideluloj, invadis Albanujon, forpelis sian propran forpelinton Fan Noli kaj de tiam ekregis kiel diktatoro. Nun li aspiras, kaj tre eble atingos, la titolon de reĝo kaj, por plifirmigi sian estontan tronon, li volis edziĝi kun filino de la reĝo de Italujo; sed post rifuzo de tiu flanko li nun sin turnis al la reĝo Fuad de Egiptujo por edzinigi ties filinon. Interese estas aŭdi, ke la praulo de la gento, el kiu naskiĝis Aĥmed Zogu, devenas de germanaj kruckavaliroj, kiuj post siaj bataloj kontraŭ la turkoj restis en la lando kaj poste akceptis la mahometanan kredon; sed, kompreneble, en la daŭro de la jarcentoj la germana sango preskaŭ perdiĝis pro miksado kun albana sango.

**Vivdanĝeraj termitoj.**

Formikoj kaj termitoj povas kelkfoje fariĝi malagrablaj insektoj. Sed malofte okazas, ke ili minacas la vivon de iu homo. Tio okazis en Kvinslando (Aŭstralio) al bovpaŝtisto („cowboy") Joe Cantys. Dum rajdado tra densa arbetaro lia ĉevalo puŝiĝis kontraŭ arbo. Joe Cantys falis kaj restis kuŝanta kun rompita femuro kaj sen konscio. Rekonsciiĝinte, li konstatis kun teruro, ke aro da termitoj mordatakis lin. Li provis forpeli ilin per la mano sed denove perdis la konscion. Tiel li kuŝis dum ok horoj, rekonsciiĝante por momentoj, dum la termitoj daŭrigis mordeti lian korpon. Intertempe la ĉevalo trotis al sia stalo. Kelkaj viroj, kiuj tuj ekmarŝis por serĉi la bovpaŝtiston, trovis lin en kompatinda situacio. Ili tamen alvenis ĝustatempe, por savi lin de la certa morto kaj trasporti lin en la malsanulejon kun gravaj mordvundoj. Nur pro sia fortika konstitucio li resaniĝis.

**Fervojo kun besta tirforto.**

En Bulgarujo, laŭ „Of. Jurnalo de la Ligo de Nacioj", oni novkonstruas la fervojlinion Jambol—Elhovo. La linio estas 44,5 km longa, kaj ĝia rellarĝo estis 60 cm. Precipe interesa estas la fakto, ke ĝi havis ĉevalan tirforton ĝis nun, sed la nova rellinio havos normalan rellarĝon kaj vapormaŝinojn.

Eble, tiu ĉi fervojo estas la lasta en Eŭropo kun besta tirforto. En Hindujo estas, aŭ estis antaŭ nelonge, fervojlinio kun ununura relo, ĉe kiu flanke de vagono trotis ĉevalo portante ĝian trionan pezon. Ankaŭ en Canvey Island, Britujo, estis mallonga tia fervojo je la komenco de la nuna jarcento.

H. N.

**Lepruloj.**

Pri lepruloj ni scias el la Biblio, ke grandaj aroj da tiuj malsanuloj vivis izolite de la sana homaro pro la terura infekt-danĝero. Ĉu tiuj vivantaj korpaj ruinoj, forlasitaj eĉ de la propraj familianoj, malaperis el la mondo? Bedaŭrinde ne, ekzistas laŭ statistiko ĉirkaŭ 200 000 lepruloj entute. La plej granda, kaj plej bone zorgata leprul-kolonio troviĝas sur la Filipina insulo Cullion; ĉirkaŭ 5 500 lepruloj estas tie izolitaj de la cetera mondo. Grandan nombron da tiaj malfeliĉuloj oni trovas ankaŭ en Afriko, Oceanio kaj Ĉinujo.

La flegado al lepruloj postulas plej grandan oferemon pro la naŭza stato de tiu altgrade infekta, nesanigebla malsano. La kristana misio-fratulinaro mirinde plenumas tiun plej malfacilan kariton. 90 leprul-aziloj estas prizorgataj de ili. Kvankam la spertoj de la terapio malpliigis la infekt-danĝeron, okazas iafoje, ke tiuj heroaj oferemuloj fariĝas viktimoj de sia profesio. Rimarkinte la unuajn signojn de lepro, ili rezigne transpaŝas la ponton, kiu disigas la sanulojn de la lepruloj, por daŭre resti inter la plej mizeraj malfeliĉuloj. Laŭta singulto kaj amara plorado aŭdiĝas en la vicoj de la malsanuloj, vidantaj ke iu, kiu senlace kaj ofereme servis al ili, nun mem fariĝis lepra pro ili. La bedaŭrindaj suferantoj ja plej bone scias, kion tio signifas.

El „Stadt Gottes" trad.: Maria Schöttl, Reutte (Tirolo).

**Nova speco de lampiroj**

estas trovita en Nova Zelando en arbetaĵa regiono proksime de Auckland. Tiu ĉi speco de lampiroj ekzistas nur en la kavernoj de Nova Zelando. Ekzemple, en la fama kalkŝtona kaverno de Waitomo, kiu estas ellavita de subteraj riveroj, ĝi troviĝas en nenombreblaj amasoj. Kiam oni eniras la kavernon, komence magneziaj torĉoj lumigas la stalaktitajn formaĵojn. Poste ĉiuj torĉoj estas estingataj, kaj enirante duone malluman groton, oni vidas, ke la plafono estas lumigata de milionoj da fosforeskantaj punktoj. Dum la vizitado de la groto oni devas nepre silenti, ĉar la plej mallaŭta brueto timigus la lampirojn kaj instigus ilin estingi sian lumon. La lampiroj de Nova Zelando estas larvoj de speco de muŝoj, simila al la moskitomuŝo.



# Enigma konkurso.

**La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devos alveni ĝis 15. 10., el transoceanaj landoj ĝis 15. 12. — La solvojn skribu sur aparta folio, ne intermikse kun aliaj informoj! — La rezultaton de la nunjara Enigma konkurso ni publikigos en la novembra numero de Verda Stelo.**

**1. Silab-enigmo.**

De A. Strausz.

a, al, al, bro, de, e, flo, gi, go, i, ja, je, jo, ka, klar, ko, ko, krem, kver, kvi, la, li, lo, lo, lo, lu, na, ne, nei, ni, ni, no, nu, o, o, o, o, or, poj, pro, ri, ri, ri, ri, ro, ro, sa, si, su, ta, ta, to, to, to, to, tu, u, ul, ver.

El ĉi-supraj 59 silaboj estas formotaj 18 vortoj, kies komenciteroj, legataj de supre malsupren, kaj triaj literoj, legataj de malsupre supren, nomas deziron de ĉiu esperantisto.

La vortoj signifas: 1. kreskaĵo, 2. metalo, 3. pribirda scienco, 4. fama ponto en Venecio, 5. vira nomo, 6. fama palaco de estintaj caroj en Moskvo, 7. montaro, 8. Filo de Dio, 9. arbo, 10. urbo en Suda Ameriko, 11. egalpezo, 12. batalilo, 13. birdo, 14. supera lernejo, 15. nenio, 16. lando, 17. sovaĝa besto, 18. muzikilo.

**2. Aritmetika enigmo.**

De K. Rambousek.

Oni demandis viron, en kiu jaro li naskiĝis, kaj li respondis: La sumo de l' ciferoj en la jarnombro de mia naskiĝo egalas al la aĝo de mia edzino, kiu estas 10 jarojn pli juna ol mi kaj ĝuste duonon pli juna ol ŝia patrino, kiu ŝin post unu jaro de edziniĝo naskis kaj en la venonta jaro (1929) festos sian 25-jaran edziniĝjubileon.

En kiu jaro naskiĝis la viro? Kiun aĝon li nun havas? Kiun aĝon nun havas lia edzino? Kiun aĝon havas ŝia patrino?

**3. Aldon-enigmo.**

De I. Kovačev.

arbaro, nu, igi, amo, socio, ano, mi, lasta, abato, arto, bono, odo, fiŝo, ulo, akso, do, fero, varmo, zono, etera, al, marp.

Aldonante po unu litero antaŭ ĉiun el la supre nomitaj vortoj, oni ricevas novajn vortojn (ekz.: rato, frato). La aldonitaj literoj, metataj unu post la alia (en la sama vico de la supre nomitaj vortoj), nomas la titolon de Esperanto-organizacio en Eŭropo.

**Solvoj**

de la enigmoj en n-ro 6.

**1. Silab-enigmo.**

1. NeStoro, 2. IrOnio, 3. AlHambro, 4. DaGoberto, 5. Imlti, 6. LiCeo, 7. IzAbelo, 8. GaLileo, 9. ElEfanto, 10. NiNive, 11. TrAktoro, 12. AkCipitro, 13. KlArineto (erare por ĝuste „klarneto"), 14. OrPheus, 15. LaOn, 16. EbRo, 17. GlObo, 18. AmBoso, 19. ReAkcio, 20. OkLahoma, 21. EtNografio. — Nia diligenta kolegaro en laboro paca ne laciĝos (lacighos).

**2. Krucvort-enigmo.**

**Horizontale:** 2. ad, 4. ag, 6. op, 8. rum, 9. el, 10. arme, 11. ebri, 12. sat, 13. bred, 14. iren, 16. li, 17. eks, 18. nu, 19. en, 20. te.

**Vertikale:** 1. boa, 3. Dresden, 4. ametist, 5. ili, 7. preri, 9. ermen, 13. blu, 15. nud.

**3. Miks-enigmo.**

Variolo, antilopo, nostalgio, episkopo, leopardo, oleandro. — Vanelo.

**Solvoj**

de la enigmoj en n-ro 7.

**1. Silab-enigmo.**

1. UrSofelo, 2. NiAgaro, 3. UnGo, 4. EmIlio, 5. CiTrono, 6. OkRo, 7. DrOmedaro, 8. OrFejo, 9. NeLson, 10. AmAtoro, 11. SeMinolo, 12. FlOko, 13. OkCidento, 14. RiEnzi, 15. TeStamento, 16. EIlto, 17. CeDro, 18. OmNibuso. — Unueco donas fortecon, diseco malfortigas.

**2. Krucvort-enigmo.**

**Horizontale:** 1. buter, 3. karob, 5. ELA, 7. karavanestr, 10. esperantist, 13. Uri, 14. islam, 15. lagun.

**Vertikale:** 1. bakteri, 2. rev, 3. kan, 4. bariton, 6. Lazar, 8. rip, 9. ski, 11. rum, 12. Nil.

**3. Vizitkart-enigmo.**

Doganoficisto.

La enigmojn el n-ro 6 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Arger, Baird, Bayhofer, Bonnevie, Bräuer, Charon, Della Savia, Dittrich, Duringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Gurányi, Hammermeister, Homann, Hüsgen, Indra, Jeremies, Kayser, Kimmel, Klančik, Kolodziej, Kösters, Krämer, Möbusz, Neuchâtel (Esp.-grupo), Reinhart, Savicki, Schiebl, Schöttl, Sommer, Stein, Strausz, Ŝirjaev, Vlčková, Weleminsky, Wicke, Wipplinger.

Solvis 2 enigmojn: Bernatschek, Hoschtalek, v. Laban, Rambousek.

Solvis 1 enigmon: Petrova, Lisovskij.

La enigmojn el n-ro 7 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Baird, Bonnevie, Bräuer, Charon, Csáder, Della Savia, Dittrich, Duringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Hammermeister, Homann, Hüsgen, Jeremies, Kayser, Kösters, Möbusz, Neuchâtel (Esp.-grupo), Reinhart, Stein, Strausz, Weleminsky.

Solvis 2 enigmojn: Gurányi, Hoschtalek, Indra, Kimmel, Krämer, v. Laban, Schiebl, Sommer, Ŝirjaev, Wicke, Wipplinger.

Solvis 1 enigmon: Arger, Kolodziej, Rambousek.

Unu solvo de 2 enigmoj estis sen subskribo (eraro en la unua enigmo: la solvinto skribis: „Seminolo aŭ Semilono", tiamaniere donante al ni mem enigmon por solvi, kiun el ambaŭ solvoj li opinias).

Multaj „stumblis" pri la indiana tribano, kvankam la seminola tribo jam estas konata el la „Ledaŝtrumpulo" de Cooper.

Solvoj el n-ro 4 (ankoraŭ ne notitaj): Solvis 3 enigmojn: Charon kaj Vlčková (tiu kun signo „Poldi").

**J. W. en Pr.-S.** Bonvolu la solvojn de ĉiuj enigmoj el unu numero prefere skribi sur unu sama folio. En via solvo de la silab-enigmo el n-ro 5 troviĝis 3 eraroj: eman ipio, savularo kaj dalmato; ankaŭ: defilas, anst. defluas.

**C. Ch. en B.** En via solvo de la silab-enigmo el n-ro 5 troviĝis 3 eraroj: emancio, dalmaci, leontopodo.